# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

C. OTHON

## Vivteni



Jen la nuntempa sopiro de ĉiu kaj ĉio en nia krizepoko vivanta. Vivteni ĝis la fino de la terura financa kaj ekonomia krizo! Transiri tiun malfeliĉan tempon por finfine atingi pli facilan! Kaj per ĉiuj rimedoj ĉiu provas elteni, vivteni.

Ankaŭ nia nepra gazeto *Katolika Vivo*, baldaŭ unujara, devas sukcese transiri la krizon. Ĝi devas, pli ol iu ajn alia entrepreno, pluvivi la nunan malfacilan tempon, ĉar ĝi estas promesriĉa ĝermo por la estonto. Ĝi ja estas la sola gazeto, kiu praktike uzas Esperanton je la servo de la Katolika Eklezio. Se ĝi ne ekzistus, oni devus ĝin fondi. Feliĉe ĝi ekzistas. Kaj ni do devas al ĝi hav... la vivrimed... ...olikoj de nia ...redo, de nia soci..., kapablas ...ordonaci eĉ sian necesaĵon por finance subteni siajn klasbatalajn aŭ sendiajn gazetojn. Kaj ni, katolikoj, estu almenaŭ samgrade oferemaj. Pri tio, dubo ne estas ebla.

Ni ne almozpetas. Tute ne! Ni nur petas ĉiujn katolikajn esperantistojn, — kaj ili estas sufiĉe nombraj, subteni sian gazeton per abono, per anoncoj, per aĉeto de libroj, per varbado ĉe amikoj. Sed neniu devas foresti de tiu grandskala financa subteno. Ĉar ni volas vivteni.

Vi bezonas materian panon. Pensu vi ankaŭ — por vi mem kaj aliaj — pri la spirita pano, pri la anima rekuraĝigo al vi dusemajne donata de via gazeto. Ambaŭ estas nepraj, ĉar homo estas korpo kaj animo. Duonigu ... la monon, por ke vi povu havi porcion de ambaŭ panoj.

Kaj kune ni vivtenos. Kaj ni sukcese postvivos la nuntempan krizon.

GEORGES RAMBOUX, *presbitero.*

*BONVOLU TUJ REPAGI VIAN ABONKOTIZON POR 1932*

## Familia Libreto

**DISTINGOJ**

Pastro Georges Ramboux jus estis elektita membro de la Franca Komitato por la Eŭkaristiaj naciaj kongresoj kaj ankaŭ membro de la Nacia Komitato por la Marianaj Kongresoj Francaj. Tiuj ambaŭ komitatoj havas grandan influon en la katolika vivo de Francujo. Ni tutkore gratulas nian sindoneman kaj talentulan direktoron pro tiuj honorsignoj, esprimante la deziron, ke tiu nova aktiveco ne konduku Pastron Ramboux for de nia movado kaj ne malebligu al li la prizorgon de *Katolika Vivo*.

Plezure ni povas sciigi, ke nia ŝatata redaktoro-korespondanto en Pollando, Diakono Antoni Troszynski, estos, la 19 decembro, presbiterigota en la katedralo de Pelplin. Niajn sincerajn gratulojn kaj tutkorajn bondezirojn.

# Kongreso de la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj

**Grava parolado de Msro Schreiber, episkopo de Berlin. Manifesto por malarmado subskribita de 17 germanaj episkopoj.**

La Paca Ligo de Germanaj Katolikoj okazigis en Berlin sian 8-an kongreson la 7-10 novembro. Pro la proksima Malarmada Konferenco de Genève la temo estis: « Ligo de Nacioj, Malarmado, Sekureco ».

La Paca Ligo de Germanaj Katolikoj estas fondita en oktobro 1919 en München. Tiam ĝi estis la germana sekcio de la Mondpacligo Kruco Blanka. Ĝia unua prezidanto estis Josef Karl, tiam redaktoro de la Germana Eklezia Gazeto, *Deutsche Kirchenzeitung*, kiu ankaŭ kiel unua dissendis post la milito alvokon por refondo de la Esperanto-gazeto *Espero Katolika*. Dua prezidanto estis Pastro Magnus Jocham, kiu dum la milito verkis la libron « Ni kristanoj kaj la papa paca programo »; ...u libro estis konfiskita de la ger... pledado ...e la potenca Deputito Erzbe... en la parlamento ĝi denove fariĝis libera po. disvendado. Pastro Jocham bedaŭrinde mortis en 1923. Tria prezidanto estis Profesoro Max Mielert, tiam redaktoro de la katolika Esperanto-gazeto *Blanka Kruco*. Oni do vidas, kiom la katolikaj esperantistoj iniciatis la germanan katolikan pacan movadon. La spiritaj gvidantoj fariĝis baldaŭ Pastro Franciscus Maria Stratman, O.P., kiu en 1914, aperigis sian bonegan libron « Tutmonda Eklezio kaj Tutmonda Paco » (jam tradukitan en 4 lingvojn) kaj Pastro Jocham, kiu ja bedaŭrinde tro frue mortis. Nuntempe la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj estas forte organizita. Prezidanto estas D-ro Gunst, urbestro de Hüsten en Vestfalio, vicprezidanto estas Pastro Stratman, O. P., ĝenerala sekretario S-ro Paulus Lenz. Al la komitato apartenas parlamentanoj, gvidantoj de junularaj kaj instruistaj asocioj ktp., ekz. Instruisto Brockmann, membro de la Reichstag; D-ro H. Krone, membro de la Reichstag; Prof. Anz; D-ro N. Ehlen; D-ro Franz Müller; D-ro W. Solzbacher; Instruisto H. Kolvenbach; Parlamentanino Klara Siebert; Profesorino E. Hocks; Sekretario Georg Wagner, k.a.

La unuan ĉefparoladon faris *Msro D-ro Christian Schreiber, episkopo de Berlin*. Matene li jam estis celebrinta solenan meson por paco en la Preĝejo je la Memoro de la Paco, dum kiu Kanoniko Msro Licktenberg estis predikinta. Jen la ĉefa enhavo de la parolado de Episkopo Schreiber:

Povas ekzisti justa milito, nome tia milito, kiu estas defendo de ŝtato kontraŭ maljusta atako de eksteraj malamikoj. Tia milito estas morale permesata, eĉ socia-etika devo. En tiu senco oni honoras la soldatojn mortintajn en la milito. Sed ĉiu, eĉ la plej justa milito sekvigas tiom da morala kaj materia mizero, ke estas devo de ĉiuj homoj, klopodi por la realigo de la paco inter la nacioj. Bedaŭrinde eksterordinaraj malhelpoj kontraŭstaras la atingon de tiu celo. Ni en tio pensas pri certaj punktoj de la packontrakto de Versailles, kiuj ne lasas realiĝi pacigon de Eŭropo laŭ la spertoj de la plej lastaj dek jaroj. Ni atentingas pri la militarmado, kiu, ju pli ĝi estas konservata kaj daŭrigata, des pli signifas daŭran kaj kreskantan maltrankviligon de la popoloj kaj minacon al la mondpaco. Rilate al la kulpo je la milito estas tempo, por fari sub la paciĝintecon la grandan strekon de la forgeso kaj pardono. Kontraŭe la spirito de la interkomkreniĝo, de la repacigo, de la paco devas venki. Tio signifas rekonon de la nepra egalrajteco de ĉiuj nacioj, ankaŭ de la germana, samtempa ĝenerala malarmado kaj pliperfektigo de la Ligo de Nacioj al efika potenca organo de la sekureco por ĉiu ŝtato kaj la paco inter la nacioj. Ĉu, rigardante la mizeron en Eŭropo kaj la tuta mondo, ne estas necese, per ĉiuj fortoj labori por la vera paco, eĉ se tio kostas kelkajn oferojn, speciale por interkomkrenigo kaj interpacigo de Germanujo kaj Francujo kaj ankaŭ tion mi aldonas plenkonscie, — de Germanujo kaj Polujo? La plej forta sekureco de la nacioj ne konsistas en fortikaĵoj kaj militŝipoj, sed en la paca spirito de la homoj ...



PATRO STRATMANN, O. P.,
Vicprezidanto de la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj.

Salutis la kongreson el Francujo, Belgujo, Nederlando, Polujo kaj Ameriko.

La duan ĉefparoladon faris *Pastro Franciscus Maria Statmann. O. P.*, pri « Katolikismo kaj militismo ». Li diris, ke la militista sistemo estas troigo de la signifo de la armeo, kiu anstataŭ servi, volas regi. Fine la militismo fariĝis instrumento de ekonomiaj interesoj, speciale de la armada kapitalismo. La fabrikantoj de armiloj faras sian propran politikon, kiu ne nur ne servas, sed kontraŭas la komunan bonfarton. Katolikismo ne povas paciĝi kun militismo. Germanujo povos gajni nemortontan gloron en la historio, se ĝi faras el la devigita malarmado memvolan senarmecon, se ĝi formetas ĉiun ideon je nova armado kaj se ĝi la ŝancon por malarmado, kiu nun ekzistas, ne mortigas por ĉiam per nova armada politiko.

Ĉefsekretario *Paulus Lenz* paroladis pri « nova heroeco », montrante, ke ekzistas pli alta heroeco ol tiu de la hombuĉado en la milito kaj ke ankaŭ senmilita mondo ne malhavus kaj ne povus malhavi kristanan heroecon en la servo de la proksimuloj.

Privatdocento *D-ro Kunz* (Wien) pritraktis la temon « Ligo de Nacioj kaj Malarmado », atentigante pri la eksterordinara graveco de la venonta en Ĝenevo Malarmada Konferenco. La publika opinio en ĉiuj landoj devas devigi la diplomatojn al energia malarmado. Sen antaŭa interkompreniĝo inter Francujo kaj Germanujo la konferenco ne povos sukcesi.

*D-ro Scharp*, ĉefredaktoro de la *Rhein-Mainische Volkszeitung* en Frankfurt, paroladis pri « sekureco ». Oni estis intencinta doni tiun paroladon al famkonata franca katolika profesoro, sed tiu bedaŭrinde ne ... Berlin. D-ro Scharp ... speciale la francan spiritostaton rilate al malarmado kaj sekureco, montrante, ke nur nova firmostara ordo de la reciprokaj interrilatoj inter Francujo kaj Germanujo, povas certigi veran pacon.

Inter la salutparoladoj de eksterlandaj gastoj estis precipe grava tiu de *D-ro Brors*, direktoro de la Katolika Agado en Polujo, kiu alportis specialajn salutojn kaj bondezirojn de Kardinalo Hlond, ĉefepiskopo de Poznan kaj primato de Polujo. — En la memorhalo por la militfalintoj okazis soleno, en kiu *Ĉefsekretario Paulus Lenz* faris la paroladon. Oni tien metis florkronon en la papaj koloroj kun la subskribo *Pax Christi in Regno Christi*. Ankaŭ la eksterlandaj delegitoj metis florkronojn kun rubandoj en siaj naciaj koloroj.

Krome okazis ĝenerala kunveno de la Paca Ligo, kelkaj komitataj kunsidoj kaj speciala kunveno de la esperantistoj.

Ĉe la fino oni decidis, meti florkronon je la tombo de la granda Papo de la Paco, Benedikto XV-a, en Romo, kaj oni akceptis jenan *manifeston por la malarmado*. Ĝi estas iniciatita de Msro Schreiber, episkopo de Berlin, kaj jam portas la subskribojn de 16 aliaj episkopoj, inter ili de Kardinalo Bertram, prezidanto de la episkopa konferenco de Fulda. Jen la teksto:

*Manifesto por malarmado*

Ni staras antaŭ konferenco, kies rezulto eble por longa tempo decidos pri la sorto de Eŭropo: la Malarmada Konferenco de Ĝenevo. Ĉu ni, kiuj kristanoj kaj katolikoj, rajtas senage ... la aferojn aŭ ĉu ni rajtas permesi, ke la aliaj rondoj, agadi por la sukceso de la malarmadklopodoj? Ĉu ne ankaŭ ni kaj speciale ni devas levi niajn voĉojn kontraŭ la terura militdanĝero, kiu per armadoj ne estas malpligrandigata, sed pligrandigata?

Niaj estroj, la papoj, ne silentis. Tiel ankaŭ ni ne volas silenti kaj memorigi sin same kiel la registarajn delegitojn en Ĝenevo pri tio, kio el la observejo de Romo almenaŭ por unu kvarono de la homaro estas dirita pri la tasko, kiu kuŝas antaŭ ni. En la jaro 1899 Papo Leono XIII-a skribis: « ... nio estas tiel grava kiel forigi de Eŭropo la militdanĝeron, kaj ĉio, kio estas tiucele farata, devas esti rigardata kiel kopodo por la komuna bono. » Enirante la 25-an jaron de sia papeco, la sama papo alvokis la mondon

z pisza czerwonej granicy

## El malantaŭ la ruĝa limo

**Bandoj de sovetaj senhejmaj infanoj**

Gazetoj el Ryga publikigas, ke en Moskvo aperis denove grandaj bandoj da malsataj, mizeraj infanoj, kiuj grandparte ne posedas hejmon. Dum somero kaj aŭtuno ili restadas sur kampoj kaj en arbaroj, dumvintre ili sin kaŝas pro frosto kaj malsato en urbojn. Tie ili serĉas « loĝejon » en forlasitaj domaĉoj, barakoj, urbaj magazenoj por akvotuboj ktp. Ili vivas per ŝtelado, superfaloj kaj rabado. Nunjare aperis la « Bezprizorni » (tiel oni nomas ilin) en tiom granda aro, ke la Moskvaj polickomisaroj devis okazigi pro tiu « turmento » specialan konferencon. Laŭ la soveta gazeto *Pravda*, la nombro de tiuj nomadoj estas ĉi-jare 30.000, t. e. dufoje plimulte ol pasintjare Inter ili troviĝas 10.000 knabinoj. Estas certe, ke dum novembro pligrandiĝos ĉi tiu nombro almenaŭ dufoje. Ĉar neeble estas forigi la infanaron el la tuta urbo, oni decidis purigi almenaŭ la antaŭurbon, kie la eksterlandanoj havos malpli da okazo ekvidi la almozulajn hordojn de la « soveta paradizo ».

**Ili ne fidas al la pola loĝantaro**

Ĉar la bolŝevoj konvinkiĝis fine, ke ili ne sukcesos akiri por siaj « ideoj » la polan loĝantaron, kiu loĝas apud la polo-soveta landlimo, ili komencis lasttempe koloniigi la regionojn ĉirkaŭe de Dzisna, Lohojsk, Zaslawie, per komunistaj koloniistoj el centra Rusujo. Ĝisnune oni sendis proksimume 10.000 koloniistojn.

**Propagando de la sovetaj sendiuloj**

La holanda *Katholieke Wereld Post* ricevis sciigon el Moskvo, laŭ kiu la soveta ŝtata eldonejo preparis novan lernolibron por sendiuloj, direktitan speciale kontraŭ la Papo kaj Vatikano. La lernolibro estas eldonota samtempe en ĉiuj lingvoj eŭropaj kaj disĵetota po centmiloj da ekzempleroj en ĉiuj landoj de Eŭropo kaj Ameriko kun speciala konsidero de la lerneja junularo de tiuj landoj.

ANTONI TROSZYNSKI.

## Arta noto

En la franciskana kaj paroĥa preĝejo Sankta-Gabrielo en Munĥeno (Germanujo). tre granda mozaika pentrajo estis inaŭgurita de Kanoniko D-ro Hartig, okaze de la festo de Kristo-Reĝo.

La ikono montras Kriston sidantan sur trono, ĉirkaŭata de ses ŝvebantaj adorantaj



NOVA MOZAIKA ARTVERKO EN MÜNCHEN

anĝeloj. Sub la trono estas la sankta urbo, la ĉiela Jerusalemo. La majstro de la bela artverko estas Profesoro Josefo Eberz.

La grandioza mozaiko kovras areon de 188 kv. m La Krist-figuro estas 6 1/2 m. alta, la sola kapo de Kristo 1 1/2 m. alta. Preskaŭ 4 m. la anĝeloj estas grandaj. Ĉiuflanke de la absido Mario kaj Gabrielo troviĝas; ambaŭ estas preskaŭ 6 m. altaj. Proksimume du milionoj da ŝtonetoj estis kunmetitaj.

Jen Munĥeno akceptis novan artverkon.

FRANGOOT DÖTH, O. F. M.

## Eĥo de la Papaj paroloj en la Franca Parlamento

Lastte[illegible] de la franca parlamento malfermis novan [illegible] sidan periodon, k[illegible] unue priparolis la gravan demandon pri nuntempa senlaboreco.

En la diskuto, S-ro Henriko Meck, deputito el la Malsupra Rejno, publike diris sian respektan kaj dankan homaĝon al Lia Papa Moŝto Pio XI-a, kiu antaŭ ne longe adresis al la tuta mondo alvokon por efektiva karitato en la nuntempa krizo. La deputito citis kelkajn eltiraĵojn el la Papa enciklika.

G. O.

## La Katolika Eklezio en Koreo

Regiona Koncilio okazis de la 14 ĝis 25 septembro lasta en Sehul, sub la prezido de Msro Mooney, titola ĉefepiskopo d'Irenopolis, apostola delegito en Japanujo. Ĉeestis unu ĉefepiskopo, tri episkopoj, apostolaj vikarioj, kaj du apostolaj prefektoj; ankaŭ trideko da misiistoj kaj indiĝenaj presbiteroj.

Tiuokaze la Gazet-Agentejo « Fides » publikigas jenan statistikon pri la nuna stato de la Katolika Eklezio en Koreo.

*Apostola Vikariejo de Seul*, komisiita al la Pariza Societo por Eksterlandaj Misioj de post 1831.

Suma enloĝantaro : 7.451.565 homoj, el kiuj estas 52.949 katolikoj.

La 27 francaj misiistoj, kiuj tie misias, estas helpataj de 43 koreaj pastroj kaj de 128 religiulinoj de Sankta-Paŭlo el Chartres (11 francaj kaj 117 koreaj).

Tiu vikariejo enkalkulas 113 preĝejojn.

*Apostola Vikariejo de Taiku*, komisiita al la sama misi-societo. Starigita en 1911.

Enloĝantaro : 7.735.104 homoj, el kiuj estas 37.455 katolikoj.

Estas 20 francaj misiistoj, 28 koreaj pastroj kaj 6 religiulinoj.

La vikariejo enhavas 106 preĝejojn.

*Apostola Vikariejo de Uensan*, komisiita al Germanaj Benediktanoj de Sankt-Ottilien (Bavarujo). Starigita en 1920.

Enloĝantaro : 2.200.000 homoj, el kiuj 3.595 katolikoj. La 17 Benediktanaj pastroj, kiuj tie dejoras, estas helpataj de 26 fratoj (el kiuj 6 koreaj) kaj 32 religiulinoj Benediktanaj. Estas 11 preĝejoj en la vikariejo.

*Apostola Prefektejo de Hpyeng-Yang*, komisiita al Amerikaj Misiistoj el Maryknoll, de post 1927.

Enloĝantaro : 2.650.000 homoj, el kiuj 7.202 katolikoj. 19 misiistoj, 2 fratoj kaj 13 religiulinoj el Maryknoll, 6 koreaj religiulinoj de Sankta-Paŭlo el Chartres. La prefektejo enkalkulas 46 preĝejojn.

## EL LA VATIKANA URBO

**Novaj taŭgaranĝoj**

Lia Papa Moŝto inaŭguris, dimanĉon 15 novembro, la novajn ejojn kaj la novajn laborojn de la arĥivoj kaj de la Vatikana Biblioteko.

La vizito komencis per la apartemento de la prefekto de la Vatikana Biblioteko, kuŝanta ĉe la unua etaĝo de la Borgia-palaco. De tie la Papo iris al la galerioj la plej altaj de la Arĥivoj, kie la lignaj traboj estis anstataŭataj per subferajo, tiel por certigi pli grandan firmecon al la tegmento, kiel asekuro kontraŭ incendidanĝeroj.

Pio XI-a poste eniris la Vatikanan Bibliotekon. Memortabulo estis fiksata ĉe la fundo de la galerio por rakonti la diversajn destinojn de tiu loko laŭ la volo de la sinsekvaj Papoj dum la jarcentoj.

Poste Lia Papa Moŝto vizitis la presejon, la geografian ĉambregon kaj salonon, kie estos lokataj la Vatikanaj medaloj.

Fine Pio XI-a malsupreniris en la korton de la Belvidejo por inaŭguri la statuton de la Saĝeco, pri kiu ni jam raportis en antaŭa letero.

Msro Mercati, prefekto, Msro Tisserant, pro-prefekto de la Vatikana Biblioteko, kaj la guberniestro de la Vatikana Urbo akompanis la Sanktan-Patron dum lia longdaŭra vizito.

**Renovigo**

La laboroj por renovigi la konsistorian ĉambregon aktive daŭras. La nova pavimo estas preskaŭ elfinita. Oni instalas novan lumigsistemon tute modernan. La grandaj pentrajoj, kiuj ornamis la murojn, estis forportitaj. Ili estos anstataŭataj per tapettapiŝoj, kiuj ĝis nun estas konservataj en aliaj ĉambroj de la Vatikano aŭ en Romaj bazilikoj. La granda ebura krucifikso, kiu kuŝis ĉe la fundo de la ĉambrego, kontraŭ la papa trono, estos ankaŭ anstataŭata per tapettapiŝo, kiu reprezentos la Krucumon.

PETRANO.

## La katolika gazetaro kaj la nia

La franca semajna organo *La Jeune-République*, el Parizo, represis, en sia numero de la 13 novembro, la pacan manifeston de la Germanaj Katolikoj, laŭ *Katolika Vivo*, malgraŭ ke la redakcio tute nekompreneble forgesis mencii la fonton.

Pola gazeto *Pomocniczy Jezyk Światowy* represis, en sia novembra numero, artikolon el K. V.: Kio estas milito, de Karl Kullmann.

## Kongreso de la Paca Ligo

*(Daŭrigo.)*

katolikan per la vortoj : « Malfeliĉaj opinioj, kiuj starigas la materian potencon kiel plej alta leĝo : tial la ĉiam progresanta kaj senmezura pliigo de milita armado aŭ tiu armata paco, kies pereigaj efikoj en multaj rilatoj egalas la plej malbonajn sekvojn de la milito. » En novembro de la militjaro 1914 Papo Benedikto XV-a vokis en la « buĉadon malhonorantan Eŭropon » : « Ekzistas aliaj vojoj kaj iloj, por ripari difektitajn rajtojn, ol la milito. » Je la pentekosta festo de 1920 Papo Benedikto XV-a direktis al ĉiuj nacioj la admonon, ke « ili forigu aŭ malpliigu la militŝarĝojn, kies grandegan premon la nacioj ne plu povas toleri. » Je Kristnasko de 1923 nia nuna papo glore reganta Pio XI-a en sia encikliko pri la Paco de Kristo en la Regno de Kristo atentigis pri la timo kontraŭ novaj, eĉ pli teruraj militoj kaj pri la danĝeroj [illegible] nova militpreparado. Je pasintjara Kristnasko li diris al la kardinala kunvenantaro ke ne povas kaj ne volas kredi, ke ekzistas nacio, kiu intencas fariĝi hommortiganto kaj per tio ankaŭ certe memmortiganto. »

Rememorante la teruran mondmiliton kaj rigardante la novan armadan frenezecon kaj la novan militdanĝeron, ni faras konfeson je la volo de niaj papoj al malarmado kaj paco kaj postulas de la respondeca Malarmada Konferenco fine videblan komencon de la malarmado kaj severan ĝeneralan kontrolon !

La paroladoj kaj rezultoj de la Berlina kongreso trovis grandan eĥon en la germana kaj eksterlanda gazetaro.

D-ro WILHELM SOLZBACHER.


**KATOLIKA VIVO**

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Telefono : Paris-Passy 06-30

La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8.50 |
| Por landoj kun rabata posttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato. Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika*. La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando* : Firmo W. van Eupen, Wal 2-a, Eindhoven. Poŝtkonto nº 19.313.

*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando* : S-ro Hans Finkel, Linsebühlstr. 4a, Sankt-Gallen.





■ Msro Dubois de La Villerabel, ĉefepiskopo de Rouen (Francujo), ricevis la ordenon de Kavaliro de la Honor-Legio.

■ La normandaj episkopoj lasttempe kunvenis en Rouen (Francujo) por pristudi la organizan demandon de la Katolika Agado en sia eklezia provinco.

■ La Kolonia Ekspozicio en Parizo estis fermita per solena *Te Deum*, dimanĉon 15 novembro, en la preĝejo de la katolikaj misioj. Kardinalo Verdier prezidis.

■ Ses mil katolikoj partoprenis en la Kongreso Eparĥia de Montauban (Francujo), dimanĉon 15 novembro, sub prezido de Lia Episkopa Moŝto Roques.

■ Inaŭgura meso por peti la lumhelpon de la Sankta-Spirito, okaze de la malfermo de la Parlamenta Kunsido, de la Tribunaloj, Fakultatoj kaj Altaj Lernejoj, estis celebrita, dimanĉon 15 novembro, en la katedralo de Parizo, en la ĉeesto de Kardinalo Verdier, multaj senatanoj kaj deputitoj, urbkonsilantoj, juĝistoj kaj advokatoj, universitatanoj. La ministro por la Publika Instruado estis reprezentata de lia kabinet-ĉefo.

■ Dimanĉon 22 novembro la katolika Unuiĝo de la poŝtoficistoj de Francujo ĉeestis sanktan meson en la katedralo Nia-Sinjorino en Parizo ; samtempe okazis Diservo en la baziliko de la Plejsankta-Koro de Jesuo sur Montmartre por la ŝtataj oficistoj mortintaj. La ĉeestintoj kaj dek aliaj ministroj estis riprezentitaj en Montmartre, kaj la ministro de la poŝta servo en la katedralo.

■ Spiritaj ekzercoj okazis, lastan semajnon, en la Vatikano. La predikoj estis faritaj en la kapelo de la Grafino Matildo. La Papo mem ĉeestis la spiritajn ekzercojn kaj multaj kardinaloj, prelatoj kaj oficistoj.

■ La jubileaj festoj de la 15-a jarcento de la Efesa Koncilio finiĝis per solenaj orientritaj en Romo kaj en la abatejo de Grottaferrata.

■ La ĉiumonata meso porpaca en Parizo okazis, la 26 novembro, sub la prezido de Lia Episkopa Moŝto Crépin, helpanto de Kardinalo Verdier. Dom Chauvin predikis kaj la kantojn prizorgis la *Cantoria*.

■ Lastan semajnon okazis en Parizo la ĝenerala kunsido de la Gimnastika Federacio Katolika de Francujo. Tiu ĉi kalkulas nun 2.650 aliĝintajn societojn. La raporto de la ĝenerala sekretario montris la progresadon senĉesan de la katolika federacio gimnastika.

■ La solena kunsido por la malfermo de la kursoj en la Katolika Instituto de Parizo okazis, merkredon 25 novembro, sub la prezido de Kardinaloj Verdier kaj Binet, kaj en la ĉeesto de pli ol dudek ĉefepiskopoj kaj episkopoj. La kutiman paroladon diris Msro Baudrillart, rektoro. Kaj Lia ĉefepiskopa Moŝto Suhard ankaŭ paroladis poste.

■ La Gregoriana Universitato en Romo malfermis siajn kursojn. Pli ol 1.800 eklezaj studentoj, el ĉiuj landoj de la mondo, frekventas la lecionojn de la Jezuitoj faratajn.

■ Katolika Unuiĝo Teatra ĵus fondiĝis en Bruselo.

■ La kongreso de Kolumbio ĵus voĉdonis projekton de reformo de la konstitucio, laŭ kiu la eksprezidantoj de la respubliko kaj la ĉefepiskopoj estas rajte senatanoj.

**Ni jam diris**

**ni denove diras**

**kaj rediras**

ke nia nuna adreso estas :

KATOLIKA VIVO

10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI

# Letero el Hungarujo

### La Katolika Grand-Kunsido en Budapeŝto

La Landa Katolika Ligo, kiel en aliaj jaroj, ĉi-jare ankaŭ aranĝis sian Grand-Kunsidon en Budapeŝto pasintmonate.

Bedaŭrinde la subpremaj cirkonstancoj ĉi tie ankaŭ vidiĝis, ĉar en ĝi pli malmultaj partoprenis, kiel en antaŭaj jaroj. Ĵus pro tio ĝoje ni laŭdas publike la ministojn, kiuj per aparta vagonaro venis por la dimanĉa kunsido.

Cetere en ĝi partoprenis: la edzino de la reganto de Hungarujo, Sinjorina Moŝto Mikloŝ de Horthy; kun Lia Kardinala Moŝto D-ro Justiniano Serédi, hungara princprimato, la tuta hungara episkoparo; provincialoj kaj monaĥestroj; kanonikoj; hungaraj princoj kaj princinoj; la katolikaj ministroj, kies nomojn tro longe estus ĉiujn mencii; pastraro, la misiistoj kaj multaj gefiloj de nia Katolika Eklezio.

La diritaj paroladoj grandan entuziasmon vekis inter la aŭskultantaro, — s d donu la bona Dio, ke ili ne restu nur vortoj diritaj en la dezerton, sed la promesoj fariĝu realajoj.

La unua oratoro Viktorin Strommer, Benediktana monaĥestro, akcentis, ke nuntempe ni ne vorton, sed agadon bezonas. Por solvi la nunan malfacilan problemon, ni devas oferi niajn korojn, fortojn, kapablecojn, sed ankaŭ la monujon, precipe kies enhavo estas riĉa. Ĉar nur tiam povos venki Kristo, venki la Eklezio.

Lia Kardinala Moŝto D-ro Justiniano Serédi diris kaj rediris, ke nia Patrino la Katolika Eklezio ne nur la transteran, sed ankaŭ la surteran vivon de sia fidelularo prizorgas. La malriĉulo bezonas la donacojn de la riĉulo, sed li ankaŭ bezonas amon, kun kiu estu ĝi donata al li.

Grafo Albert Apponyi, la maljuna fama oratoro, la Sakramenton de edzeco elektis kiel temon de sia parolado. Li klare montris, ke la nuna — bedaŭrinde tiom timiga — malmoraleco havas sian radikon en tio, ke oni ne prenas kiel sakramento la edzecon. La nuna junularo ĉe la geedziĝo jam faras por si la kondiĉon, se sia vivkunulo aŭ kunulino ne konvenos, ili tutsimple disiĝos. Kontraŭ tiu ĉi veneniga pensmaniero ni devas kuntenate batali.

Aleksandro Ernszt, ministro por la kulto, socialan paroladon diris pri la proprajrajto. Proprajrajto eĉ nun ekzistas, sed ĝi kunbrakiĝante iras kun la devoj por la posedanto. Kiu posedas, tiu devas ankaŭ donaci.

Karlo Húszár, eksministrestro, klarigis laboristajn demandojn, kaj poste petis ĉiujn, sed precipe la laboristojn, ke ili helpu ĉiam, ĉie kaj ĉiamaniere protesti kontraŭ la disvastigo de ateismo.

Kálmán Andrássy, fervoja ĉefoficisto, pri la konstanta persekutado de nia Eklezio faris prezentadon, kio estis de komence antaŭvidebla, ĉar mem nia dolĉa Savanto diris: « Se min oni persekutas, vi estos ankaŭ persekutataj! »

La parolado de Msro Julio Glattfelder, episkopo de Csanád, grandan efikon faris. Li donis bildon pri la nuna vivo, kiam la homoj, simile al la judoj tiatempe, faras por si oran bovidon kaj ĝin ĉirkaŭdancas. La oro, la mono estas la direktilo de ilia vivo, kaj la celo de ili atingota. Ni jetu for ĉi tiun paganan idolon kaj ni reiru al nia eterna Reĝo, al Jesu-Kristo. Li devas regi ĉie, en kabanoj same kiel en palacoj, kaj en Lia Plejsankta Koro retrovas unu la alian: la riĉulo la malriĉulon, la feliĉulo la malfeliĉulon, la frato la fraton.

Ankoraŭ multaj eminentaj oratoroj faris paroladon, inter la ceteraj: Jenő Czettler, subprezidanto de la parlamento.

Menciinda estas ankoraŭ la kunsido de la Franciskana Tria-Ordeno, kie P. Arkangyal Molnár, pri la franciskana spirito, kaj P. Theodorik Vargha, pri nia jubileata sankta Antonio, faris interesajn kaj valorajn prezentadojn.



Katedralo de Pécs

La Grand-Kunsido per sankta Eŭkaristia procesio finiĝis, dum kiu predikon diris antaŭ la Parlamento P. Béla Bangha, Jezuito. Li nomis la procesion triumfirado de Kristo-Reĝo, simila al la eniro palmdimanĉe en Jeruzalemon. Sed tamen hodiaŭ ni turnas nin al Jesuo, al la Pandisdonanto, al la Plimultiganto de pano, kiu satigis tiatempe milojn da homoj malsataj. Li eĉ nun kompatas la malsatantojn, kaj se ni plenfide petegas Lin, Li nun ankaŭ donos, eĉ plimultigos nian ĉiutagan panon.

En la procesio multegaj partoprenis kaj precipe [illegible]an vidaĵon donis la longa vico de ministoj en siaj belegaj uniformoj kaj la diversaj lernejstudentoj.

Neniam ni bezonis tiel ege kuraĝajn konfesantojn de nia katolika religio, kiel nun. La Reĝo de reĝoj, nia adorata Jesu-Kristo donu la gracon, ke ni ĉiuj restu persistaj konsciaj anoj de nia Eklezio, ne nur parolantaj sed ankaŭ laborantaj.

### Religioscienca kurso en la Universitato de Pécs

En la kadro de Elizabeto-Universitato en Pécs religioscienca kurso malfermiĝis per iniciato de D-ro Damján Vargha, Cisterciano, universitata profesoro. La protektadon de la kurso Lia Episkopa Moŝto Francisko Virág kaj D-ro Béla Entz, universitata rektoro, akceptis.

La celo de la kurso estas klarigi detale la grandajn religiajn verecojn por la universitata junularo, kies religia edukado finiĝas en la mezlernejo.

La edzeco estas granda mistero, — diras sankta Paŭlo. Tial la rektoro de la universitata preĝejo D-ro Damján Vargha la eminentan eklezian scienculon Stefano Ŝipoŝ, reganto de la episkopa seminario, profesoro de teologio, petis, ke li faru posemajne unu prezentadon laŭ la eklezia juro pri la edzeca rajto.

La unua leciono jam okazis, kiun multaj ĉeestis, kaj ĉiu kun streĉita atento aŭskultis la tre interesan klasikan prezentadon.

### Jubileaj prezentadoj honore al sankta Elizabeto en Pécs

La Elizabet-universitato en Pécs pasintjare pri la jubileita Sanktulo, sankta Emeriko, okazigis sinsekvajn prezentadojn por la publiko.

Ĉi-jare denove ĝi elprenas sian parton el la nuna jubileo, kaj pri la heroa Sanktulino de karitato, sankta Elizabeto, aranĝos prezentadojn okaze de la 700-jara datreveno de ŝia morto.

La prezentadojn, same kiel pasintjare, D-ro Damján Vargha, Cisterciano, universitata profesoro, la fama esploranto de Codex-literaturo, diros, kaj ili estos tielcerte tiom valoraj kaj interesaj, kiel tiuj pri sankta Emeriko.

### Sankta meso por la fondinto de la Sociala Misiunuiĝo

La 10 oktobro la anoj de Sociala Misiunuiĝo sanktan meson oferis kune kun komunio por sia neniam forgesebla benata fondinto Ottokár Prohászka, episkopo, okaze de lia naskiĝtago — en la kapelo de *Corpus Christi* de la katedralo de Pécs.

### Jubilea kunsido de Katolika Popolligo en Szakály

Pasintmonate jubileis la Katolika Rondo fondita de Katolika Popolligo — en Szakály sian 20-jaran datrevenon.

La jubilea festo per sankta meso komenciĝis. Dum la festkunsido la malferman paroladon Pastro Benö Tiborcz, la populara paroĥestro de Szakály, diris, en kiu li rerigardis la pasintajn 20 jarojn riĉajn en malfacilaĵoj, kaj per klaraj vortoj li montris la vojon, sur kiu la Rondo iradi devos estonte. La festan paroladon D-ro Karlo Verseghy, la elsendito de la Centro, diris, kiu dum la senĉesa aprobado de publiko klarigis la devojn de la kristana nacia politiko. Poste ankoraŭ parolis Grafo Georgo Pallavicini pri la politika situacio, akcentante, ke nur la efiko de katolikaj principoj povas alporti la deziratan hungaran reviviĝon.

La bonsukcesinta jubilea kunsido kun la fermaj vortoj de paroĥestro Benö Tiborcz finiĝis.

Heleno Fiedler.

# EL ISLANDO

La misiistoj en Islando ĵus remalfermis siajn lernejojn kaj la gelernantoj estas pli kaj pli multnombraj. Multaj infanoj de protestantaj gepatroj frekventas la katolikajn lernejojn.

La Islandaj katolikoj solene festis la jarcenton de la Efesa Koncilio en la festtago de Nia-Sinjorino de l' Rosario.

La korespondanto de la Gazet-Agentejo « Fides » sciigas la viziton de la fama romanverkisto katolika Norvega Sigrid Undset. Ŝi restis tri semajnojn en la insulo, kie ŝi estis kore akceptata de la enloĝantaro.

*REPAGU LA ABONKOTIZON*

# Starigo de Altstuda Instituto Katolika en Londono

Lia Kardinala Moŝto Bourne ĵus fondis en Londono Katolikan Instituton por superaj studoj, kies unuaj kursoj estis inaŭguritaj en oktobro pasinta. La instituto estas instalita en ejoj al ĝi disponigitaj de la « Catholic Truth Society » unu el la plej gravaj organizaĵoj por katolika propagando en Anglujo. La sidejo kuŝas 38-40, Eccleston Square, je kvin minutoj distance de la katolika Westminster-katedralo.

La gvidado de la instituto estas komisiita al administra konsilantaro, konsistanta el 12 membroj elektitaj inter la ekleziaj kaj laikaj eminentuloj de Anglujo, kaj prezidata de Msro Goodler, Jezuito, titola ĉefepiskopo de Hieropolis, kiu loĝas en Londono.

La celo de la instituto estas havigi superan instruadon pri religiaj sciencoj al ambaŭseksaj laikuloj, speciale al geinstruistoj kaj geprofesoroj, ankaŭ al ekleziuloj.

Komence la Instituto nur malfermis ok vesperajn kursojn, de 18 ĝis 21 horoj, posemajne, pri skolastika filozofio, dogma teologio, historio de la Eklezio kaj Sankta Skribo. Kiam ĝiaj financaj rimedoj ebligos, ĝi okazigos kursojn pri morala teologio, sociologio, naturaj sciencoj, ktp.

Ĉiu kurso konsistas el 60 konferencoj, okazontaj dum la tempspaco de 30 semajnoj kaj 3 studjaroj. Ĉiujare okazos ekzameno kaj diplomon ricevos la studantoj, kiuj sukcese plenumos la tri ekzamenojn.

La « Catholic Truth Society » disponigas al la studantoj sian legĉambron kaj sian bibliotekon de 14.000 volumnoj.

La Instituto intencas organizi ideinterŝanĝon kaj rilatojn kun similaj asocioj kaj la katolikaj Fakultatoj de la kontinento.

Tiu starigo respondas bezonon kaj ĝi estas nova pruvo pri la vigleco de Katolikismo en Anglujo. Ĝiaj rezultatoj estos gravaj. Ĝi havigos al la katolika elito religian formadon vere sciencan; ĝi estos kulturcentrejo de agantaj katolikoj kaj de publikigistoj kiuj scipovos defendi siajn konvinkojn kaj rajtojn, kaj, sebezone, atakbatali. Ĝi ankaŭ estos la unuaj fundamentoj de Katolika Universitato de Kardinalo Bourne projektata kaj efektivigota, kiam la cirkonstancoj tion ebligos.

Fred.










Tirola romano de H. Ŝkot de Pelzel.

Tradukis Maria Sot.

**Sed la pastro pluparolis:**

— Vi aŭskultu nun la historion pri vi kaj via patrino, por ke vi ĉion prijuĝu pli ĝuste.

Kaj nun li rakontis sen amo kaj sen indulgo ĉion, kion li sciis, kaj kion la kompato de la aliaj kaŝis ĝis nun al la knabo. Per malvarmaj vortoj li diris tion, kaj en la rapidan paroladon de l' pastro miksis sin kelkfoje la sonorbato de la ĉambra horloĝo kaj ĝia rapidema tiktako. Poste la kukolo kukuis saltante antaŭ la horloĝ-pordeton. Nun la knabo ektimis, kaj liaj grandaj, malhelaj okuloj rigardis kun milda brilo malproksimen, malproksimen de el la ĉambro ... en la arbaron, mezen en la erikejon, kie sin paŝtis la pacaj ŝafoj kaj kie ĉio estis tiom granda, solena kaj belega!

Sed nun li devas foriri de tie ĉi, en la urbon, al multaj homoj kaj lerni... lerni... kaj esti tute sola en koro.

— Jes, tiel estis ĉio, bubo, daŭrigis la pastro, la patro estis malbona, kaj la patrino en sia malespero kaj trompita amo ĉielon levis vin kiel pet- kaj pacig-oferon. Vi estas dediĉita al Dio, Jakob Brunner, kaj vi devas fariĝi presbitero, por ke vi savu la animon de via patro, kaj ke vi plenumu la deziron de la patrino, revidi lin ankoraŭ antaŭ la morto — lin, kiun ŝi tiom amis. Mi jam havigis al vi lokon en la seminario en Briksen, vi povos tie pasigi la gimnazian kaj la teologan studtempon. Tion ĝuas ne multaj — kion vi diras nun?

Kiam tranĉa frostotremo pasas super kampo kaj arbaro kaj detruas ĉion en unu nokto, tiam ĉirkaŭe kuŝas trankvilo, tiom timige silenta, kvazaŭ la naturo ne plu kuraĝas spiri. Kaj se profunda veo atakas la homon, ĉion rompante, la koro fariĝos vasta soleca tombejo.

— Nu, kion vi diras nun? ree admonis la pastro.

— Nenion mi diras, venis obstine kaj raŭke el la gorĝo de l' knabo, kaj en sia timo li premĉifis sian mizeran feltĉapelon.

— Tiamaniere oni ne parolas kun la pastro, ĉu vi komprenas, bubo! Severe fulmis la okuloj de l' pastro.

Jakob Brunner leviĝis, paŝis malrapide, kvazaŭ li estus sola en la ĉambro, al la fenestro, turnis al ĉio la dorson kaj rigardis eksteren. Dikaj pezaj larmoj pendis al liaj okulharoj, varmegaj, grandaj larmoj. Tiam li tenis ambaŭ manojn antaŭ la vizaĝo, kaj dolorega singulto ekskuis lian korpon.

— Ha, kion tio signifas? venis malrapide el la lipoj de l' pastro surprizita.

Li metis iom embarasite la manon sur la ŝultron de l' knabo kaj diris pli milde, kvazaŭ kun mizerikordo:

— Nu, pro kio vi ploras? Nenio ja okazas al vi!

Jakob turnis sin:

— Mi volas esti volonte kampulo aŭ io ajn alia; mi ne em... fariĝi presbitero.

— Feran kapon vi havas, bubo, eĉ malmolege feran kapon, sed tio ne multe helpos al vi; vi tamen devas alkutimiĝi al tiu penso. Ekzistas ja multaj malsupre en la seminario, kiuj certe ne ĉiuj sentis dekomence la profesion kaj la ĝojon, sed ili estis tamen paciencaj, sin submetiĝis, rezignis sian propran deziron kaj fariĝis saĝaj homoj; kaj se vi iam fariĝus iu bona, kaj mi estos mortinta, vi povos ja esti pastro ĉi-supre. Nun iru hejmen, kaj estu dankema, ke oni tiom multe zorgas pri vi. Ĉu vi komprenis min?

— Jes, nur ĉar mi devas!

— Vi devas, tio estas la volo de Dio!

La pordo malfermiĝis.

Sur la vestibla ŝtuparo, kiu estis malnova kaj multuzita, kune sidis en la Bretebnerdomo tiun vesperon du kaŭrantaj estajoj. La manoj de Manjo estis envolvitaj en la antaŭtuko kaj kuŝis senhelpe sur la genuoj. Ŝi diris senĉese:

Katolickie życie w Polsce.

# ★ La plej agrabla kaj longdaŭra donaco ★ Kristnaska aŭ Novjara estas jarabono al « Katolika Vivo » !

## Katolika Vivo en Polujo

### Konferenco de la Pollanda episkoparo en Czestochowa

Dum oktobro okazis en Czestochowa konferenco de la episkoparo, en kiu partoprenis 34 episkopoj el tuta Pollando. Pritraktataj estis aktualaj religiaj kaj moralo-edukaj aferoj, i. a.: la religia edukado de la junularo lerneja kaj eksterlerneja, defendo de la katolikoj antaŭ ateismo kaj malbonmorigo disvastigataj per iuj publicistoj kaj nekreduloj, fortigo de la katolika spirito per plifortigo de la Katolika Agado.

Maltrankviligita pro malpliigo de la hornombro de la religia instruado en iuj lernejoj kaj pro prokrastado efektivigi tiujn decidojn de la Konkordato, kies neefektivigado



MONUMENTO AL WILSON
antaŭ nelonge inaŭgurita en Poznan kaj donacita al la urbo de la fama pola fortepianisto I. Paderewski.

faras gravajn malhelpojn kaj malutilojn al la Eklezio, la episkoparo faris konvenajn decidojn. Ankaŭ la novan projekton de la edzeca leĝo, kiu montriĝis kontraŭa al la fundamentaj principoj de la kristana edzeco, oni detale esploris kaj faris gravajn decidojn.

Oni sin okupis ankaŭ pri la nova projekto de punkodo kaj transdonis ĝin al speciala komisio, kiu revizios la projekton rilate al la principoj de la katolikaj kredo kaj moraleco.

Koncerne la katolikajn organizaĵojn, la Konferenco sin okupis pri malhelpaĵoj, farataj al ilia agado flanke de faktoroj, kiuj klopodas senigi la Eklezion de ĝia influo ĉe la publika vivo.

Krome oni priparolis multajn aferojn koncernantajn la internan vivon de la Eklezio, ĝiajn sciencajn instituciojn, la pastraron kaj bonfaran agadon, precipe dum la nuntempa ekonomia krizo.

Fine oni decidis okazigi en la plej proksimaj jaroj tutlandan Sinodon.

### Novaj polaj misiistoj

Dum oktobro elveturis el Warszawa al Ŝanghaj en Ĥinujo tri Fratulinoj el la Kongregacio de Sankta-Vincento de Paŭlo. Dum

## La unuaj episkopoj en Ĉeĥoslovakujo laŭ la " modus vivendi "

La 15 novembro estas grava dato en la religie-politika vivo de Ĉeĥoslovakujo. Ĉar, tiun ĉi tagon, la nova ĉefepiskopo de Praha suriris la tronon de sankta Adalberto laŭ la kontrakto inter la Sankta-Seĝo kaj la ĉeĥoslovaka registaro, laŭ la tiel nomata *modus vivendi*, kiu finfine havigis al la rilatoj inter la Eklezio kaj Ŝtato firman bazon, kiu ne permesas al diversaj religie-politikaj aferoj laŭplaĉan solvon. La nova ĉefepiskopo de Praha ĵuris kune kun la nove elektitaj episkopoj de Brno, Hradec Králové kaj Litoměrice, jam laŭ preciza formulo enmetita en la ĉapitro V-a de la *modus vivendi*, antaŭ la Ĉefministro Udrzal, en ĉeesto de S-ro Dérer, ministro por publika instruado. « Mi ĵure promesas, kiel decas al episkopo, ke mi neniam faros ion, kio estus kontraŭ la bono, sekureco kaj tuteco de la ĉeĥoslovaka respubliko. »

Jam la formo de tiu ĉi promesĵuro montras, ke jam estas for la tempo, kiam, en jaro 1920, diris tiamtempa Ĉefministro Tuzar, ke la ŝtaton ne interesas, ĉu homo estas ĉefepiskopo aŭ ne. Male! La diro de la nuna ĉefministro deklaras la intereson tiel gravan, ke ni rajtas almenaŭ diri jenon: La situacio de la Eklezio en la nuntempa ŝtato jam ne plu estas privata afero de privata societo. Ne. La ŝtato havas intereson al la Eklezio, intereson iom pli grandan ol kutimas ĉe la diversaj asocioj klerigaj. La ŝtato hodiaŭ akceptas jurpromeson oficiale pere de leĝe destinita oficulo, la ĉefministro mem. Samtempe ĉeestas la popolkleriga ministro, kies kompetenteco enhavas ankaŭ la prizorgadon de la eklezia demandoj.

Ni devas bone observi ĉi tiun momenton en la rilatoj inter la Eklezio kaj Ŝtato en Ĉeĥoslovakujo. La nova eklezia juro lasas al la Vatikano iom pli grandan diversformecon de intertraktaĵoj inter la Eklezio kaj Ŝtato. La Papo povas, laŭ momenta bezono kaj situacio, aranĝi rilaton kun speciala ŝtato laŭ la speciala bezono. Fremdlande almenaŭ kelkaj memoras, ke siatempe la papa nuncio Msro Marmagi forlasis Praha'n en la festtago de Hus, protestante tiel kontraŭ la oficiala ĉeesto de la prezidanto kaj ministraro en la aranĝoj, kiuj laŭdis la ribelon de Jan Hus kontraŭ la katolika Eklezio. Pasis iom da tempo kaj la afero estis mildigita tiel ke la nuna nuncio Msro Ciriaci povis preni sian oficialan mision en Praha. La historio estas iom longa kaj havas certajn nure interlandajn interesaĵojn. La fina rezulto estis la t. n. *modus vivendi*. Jam la vorto estas iom stranga. Sed ankaŭ aferoj estis strangaj. La ŝtato, kiu volis komence leĝe deklari en la konstitucio mem disiĝon inter si kaj la Eklezio, tiu ŝtato nune traktas kun la Eklezio pri la preciziĝo de formoj, kiuj ebligus la faciligon de interrilatoj. La ministro por eksterlandaj aferoj, D-ro Beneŝ, estas iom konata en aliaj landoj. Ne nur pro tio, ke li de post la restariĝo de la memstara ŝtato estas daŭre ĝia ministro, sed lia ĉeesto en diversaj tuteŭropaj studkunvenoj ne restis senrimarkita. Ĉi tiu ministro bezonis por si, respektive por la ŝtato mem la influan katolikan loĝantaron. Li bezonis en la lando fine religian kvieton. Li bone eksentis la siatempan religian malkvieton, kiam kelkaj politikuloj subtenadis la t. n. ĉeĥoslovakan sekton. Ĉi tiu interna batalo, fininta per la foriro de la papa nuncio for de Praha, malhelpis, iam tre grave, ne nur eksterlande, sed ankaŭ en la ŝtato mem. Estas prave, ke post la morto de Profesoro Henner, la profesoro de eklezia juro ĉe la jura fakultato en Praha, ne estis sperta, internacie sperta scienculo, kapabla klare montri la faktan situon de ekleziaj demandoj laŭ la juraj vidpunktoj. Sed Ministro Beneŝ vidis, ke estas nepre necese almenaŭ por la nuntempo doni bazon al rilatoj inter la Eklezio kun Ŝtato, bazon kiu respondus al la ĉeĥoslovaka same kiel al la eklezia juro. Oni scias, ke la nuna nuncio havas tre bonan meriton, ke solvo estis trovita, ke solvo estis akceptebla de la Eklezio sub nomo de *modus vivendi*. La Ŝtato kaj la Eklezio bezonas ja kune vivi.

Ĉar tiu kontrakto ne estas konkordato ĝustasenca, ĝia latinlingva teksto ne estis publikigita, nek de la parlamento aprobita. Per ĝi estis finfine solvita la grava demando pri la rilatoj inter la katolika Eklezio kaj la ĉeĥoslovaka Ŝtato.

BORIVOJ BENETKA.

novembro kvar Pastroj-Salezianoj elveturis el Marszalki al la misiaj kampoj en Ĉilio kaj Brazilo.

### Protestoj kontraŭ la religia persekutado en Hispanujo

La 5 novembro transdonis la Ĉefepiskarhia Katolika Ligo en Poznan al Lia Kardinala Moŝto Primato D-ro Hlond, du volumojn da protestoj kontraŭ la persekutado de Kristanismo kaj Katolika Eklezio en Hispanujo. La protestojn subskribis 1 316 organizaĵoj kaj 309.945 personoj.

ANTONI TROSZYNSKI.

KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

Anonc-Oficejo:
10, Rue Pergolèse
Paris-XVI

Poŝta ĉekkonto:
Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ANONC-TARIFO:

| | | |
|---|---|---|
| Unu tuta paĝo | fr. fk. | 750.— |
| 1/2 paĝo | — | 420.— |
| 1/4 paĝo | — | 250.— |
| 1/8 paĝo | — | 150.— |
| 1/16 paĝo | — | 90.— |
| Anoncotej, la linio | — | 5.— |

La anoncoj estas kutime pagotaj samtempe kun la mendo.

Ni konsentas rabaton 10 % por 12 sinsekvaj kaj samtekstaj anoncoj, kaj 20 % por 24 anoncoj.

## TRA LA GAZETARO

### Memfida aplombo

Artikolon pri la Manĉura konflikto konkludas jene S-ro K. Niŝimura, en *Oomoto Internacia*, de decembro 1931:

Kiam la Ligo de Nacioj invitis usonan delegiton al sia konferenco sen unuanima voĉdono, ĝi tiam mortis aŭ almenaŭ grave vundiĝis — verdire, ĝi malbone naskiĝis kaj de la tago de sia fondiĝo, ĝia vivo estis kalkulata. Se ĝi mortus nun, neniu domaĝus, ĉar nun estas nia Universala Homama Asocio, kiu estas pli justa, pli homama kaj ankaŭ pli universala.

☆

### La religiaj informoj en neŭtralaj gazetoj

En lasta numero de tre disvastigita gazeto, kies pretendo celas esti « la » informilo de la *tuta* esperantistaro, sub bildo estis legebla ĉi tiu klarigo:

*La novaj papaj moneroj.*

Sekve de l' kontrakto Laterana du serioj da papa mono estas cirkuligitaj, ĉar la unua serio, pro la vigla demando de kolektantoj kaj religianoj, estis rapide elĉerpita. La monero estas el la sama metalo, kiel la itala mono, ankaŭ la ĥemia konsisto samkiel kurza kaj nominala valoroj estas la samaj, tiel ke la moneroj havas saman valoron en Italujo kaj en la Vatikana Ŝtato. Ni montras du el la novaj moneroj, ambaŭ portas sur la dorsflanko (supre) la bildon de la Sankta Patro.

Bedaŭrinde la bildo montris ne papajn monerojn, sed medalojn: la medalon ĉiujare eldonatan, okaze de la festo de sankta Petro, kaj la medalon gravuritan okaze de la jarcentaj festoj pri la efesa koncilio. La unua memorigas la inaŭguron de la Vatikana radio-stacio; la dua la renovigon de la arko en la baziliko Sankta-Mario-Majora.

Jen do kiamaniere neŭtrala gazeto havigas al siaj legantoj informojn pri religiaĵoj. Kaj en la nuna okazo la eraro estas sufiĉe ridinda, por esti menciata.

*Bonvolu niaj abonantoj, kiuj sciigas nin pri ŝanĝo de adreso, aldoni al sia averto sumon da 1 fr. 50 (1 respondkupono).*

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71

---

— Jakob, mi ne kredas, ke vi foriros!

Ŝi sidis ĉi tie kiel malĝoja sorĉita princino en kampula vesto kaj senpere apud ŝi estis la knabo kun senkonsola mieno kaj obstine levitaj lipoj.

— Jes, estas vere, Manjo, morgaŭ mi jam foriros — la pastro tion deziras, la patrino, la kampulo kaj ĉiuj!... Mi pli volonte manĝus malmolan pecon da pano kaj suferus malvarmon aŭ varmegon, nur ne for de ĉi tie — nur tion ne, Manjo!...

Tra la diŝirita tegmento kun la elrompitaj ŝindoj penetras la lastaj sunradioj kaj karesis ame la du senkonsolajn infanojn.

— Patro diris, vi povos ĉiufoje en ferioj suprenveni ĉe ni, kvazaŭ vi estus en via propra hejmo.

— Kiom longe mi devas resti malsupre?

— Dek monatojn.

— Tio estas tre longa, tion mi ne eltenos! Silento...

— Manjo, ĉu vi eble forgesos min fine?

Nun ŝi sin ŝovis tute proksime al li kaj diris per tremanta voĉo:

— Neniam!

Tio sonis pli decide ol ĵuro. Ŝi ŝovis sian brakon sub la lian, apogis sian kapeton al la ŝultro de l' knabo; li premis ŝin forte al si rigardis per siaj ĉarmaj okuloj trans ŝin, estis — kvazaŭ venus io supren la ŝtuparon kaj volus ŝin preni for de li. Li ekkris tiom, ke ŝi ektimigite rigardis lin.

— Kio okazis al vi, Jakob?

— Ĉu vi nenion vidis?

— Ne, mi ne!

— Estis eble la kato, kiu ŝteliris supren. Venu, jam malheliĝas, iru ni for de ĉi tie!

Ŝi tuŝetis liajn vangojn:

— Vi estas ja malsana!

— Ne, nur malĝoja mi estas, ĉar mi devas foriri kaj for de vi.

Nun ŝi ĉirkaŭbrakis lin, kaj ili restis iom da tempo silentaj. Subite Jakob fiere rektiĝis sin.

— Finstudinte mi ree venos; tiam ni restos ĉiam kune, ĉu ne? Presbitero mi ne fariĝos, mi ne havas emon por tio!

Li diris tion firme kun mieno de plenkreskulo, kaj li rediris tion post la vespermanĝo, estante kun Lip en la fojnejo.

— Nu, venu, bubo, kaj ne estu malĝoja kaj ĉagrenita — eble vi tamen kutimiĝos. Jam ofte homoj diris naŭfoje « ne », kaj la dekan fojon ili agis laŭ « jes ». Oni ne rajtas dufoje ĝui la ĉielon — ĉi tie kaj transe, ne, tio ne okazos, — sed la infero estas ĉiam havebla, tio estas certa. La jura promeso de via patrino estas jam farita, kaj nun, vi devas ĝin plenumi, kun Dio oni ne marĉandu. Sed, se vi iam estos pastro — hura! Kian respekton havos la homoj! Ili kisos vian manon, ili ekparolos vin per via moŝto kaj monsinjoro — kaj vi estos la superulo de cent, de tuta komunumo; sur la predik-estrado vi povos riproĉi aŭ laŭdi. — Ĉu ne, Jakoĉjo, tio estas impona!

Tiamaniere konsilis Lip fidelkore.

— Mi ja tion ne plu ĝisvivos, sed mi volus vidi vian unuan messolenon tiel sopire, kiel sankta Simono atendis la Kristinfanon!

Jakob enpensiĝis. Li sidis sur renversita laktujo kaj mallevis la kapon. Ĉiuj parolis tiel kaj admonis lin. Ĉu eble tamen la tuta afero progresos? Sed ne — ne! Interne en la brusto sidis io, kiu diris centfoje « ne », malgraŭ ĉies « jes ».

Li leviĝis — lia figuro ŝajnis rektiĝi kaj streĉiĝi, li disetendis ambaŭ brakojn, kvazaŭ lia animo elkreskas super ĉiu malfacilo kaj turmento de l' vivo.

— Lip, mi dankas vin, diris la knabo varme kaj trankvile. Mi scias, ke vi havas bonajn intencojn koncerne min. Pro Dio volo mi sindonas min, eble oni nur studigos min kaj fine mi rajtos fariĝi kion mi volas.

— Jes, jes, devigo estas absurda! Homo, kiu ne sentas veran inklinon al sia profesio, ankaŭ ne sentas veran vivĝojon, li ne konas bonhumoron — ne, certe ne — kaj oni tuj legas tion en lia vizaĝo. Sed se iu havas emon al sia profesio, tiu volonte plenumas siajn devojn, kaj la kontenteco kuŝas sur lia vizaĝo kiel sunradio sur floreto. Sed vi estas ja saĝa bubo, Jakob, kaj mi ne dubas, ke vi eltrovos la ĝuston, vi petu diligente nian Disinjoron, ke Li inspiru vin!

La knabo kapjesis kaj donis al la bonkora Lip la manon.

— Dio vin rekompencu miloble! Sciu, ofte mi sentas min tiom forlasita, kaj via parolo bonfaris al mia koro.

*(Daŭrigota.)*

# *Okaze de KRISTNASKO kaj NOVJARO donacu bonajn librojn*

Ĉiu mendo, akompanata de la mono, estas sendota al la Administracio de Katolika Vivo, 10, rue Pergolèse, Paris-XVI. (Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40). La prezoj entenas la sendkostojn.

## *NIAJ PROPRAJ ELDONAĴOJ*

### PARVULI (La Etuloj)

de Albert BESSIÈRES, S. J., tradukita de RAMO

10 × 15,5 cm., 32 p., prezo : 1,50 fr. fk.

Rakonto pri ĉiutaga komunio. Estu benitaj la etuloj similaj al tiu malgranda religiema Petro!

### Kiel mortis la unuaj kristanoj

de I. J. KRASZEWSRI, tradukis Em. ROBERT

10 × 15,5 cm., 32 p., prezo : 1,50 fr. fk.

Priskribas la aŭtoro la kortuŝajn scenojn de la kristana vivo sub la Nerona imperio, teruran malliberejon kaj emociigan buĉadspektaklon de ĉiuklasaj romaj personoj.

### La universala reĝeco de Kristo

Encikliko Letero de Pio XI-a tradukis Jos. SCHMIDT

10 × 15,5 cm., 32 p., prezo : 1,50 fr. fk.

### NOVA AFRIKO

de Th. MONENS, S. J., tradukita de FLORIANO

10 × 15,5 cm., 32 p., prezo : 1,50 fr. fk.

La broŝureto ampleksas la historion, rilatojn, misiistajn penadojn kaj modernan pensmanieron de la nigra kontinento, kiu verŝajne ne unu surprizon kaŭzos baldaŭ al la superregantaj tie eŭropanoj.

Katolički Modlitewniczek

### KATOLIKA PREĜARETO

9,5 × 13,5 cm., 32 p., prezo : 3 fr. fk.

Enhavo : Maten-, Vesper- kaj Mespreĝoj ; Preĝoj por la Komunio kaj por la Konfeso, Litanioj, Diversaj preĝoj.

### ESPERDONA ISLANDO

de Jak. DE VREESE, esperantigita de Frato FLORIANO

12 × 18 cm., 40 p., prezo : 5 fr. fk.

Bela volumo ilustrita pri la lando kaj popolo de la katolika vidpunkto.

### LA ORIGINO DE LA RELIGIO

Originale verkita apologia verko de Jos. SCHMIDT

*RIĈE ILUSTRITA*

11 × 18 cm., 32 p., prezo : 3 fr. fk.

En tiel malmultaj paĝoj la aŭtoro kondense pritraktas gravegan teologiajon, sed nur laŭ antropologia natura vidpunkto. Gia legado estas rekomendinda al ĉiuj sciencistoj, kaj al la amantoj de prireligiaj studoj.

### KLARI

Romano de MYRIAM CATALANY el franca lingvo tradukita de Em. ROBERT

10 × 15 cm., 136 p., prezo : 10 fr. fk.

Nepre leginda verko, kies emociigita rakonto kortuŝas ĉiujn legantojn.

### FABIOLA

Romano pri katakomboj de Kardinalo WISEMAN el angla lingvo tradukita de RAMO

Dua eldono reviziita de Em. ROBERT

*Premiita de la Esperantista Akademio, 1929*

8 luksaj ekster- kaj multaj entekstaj ilustrajoj

15 × 20 cm., 440 p., prezo : 40 fr. fk.

Stilo ĉiam facila, klara, preskaŭ senerara. Vera modelo de pura Fundamenta lingvo. Ĝian legadon oni povas rekomendi varme al ĉiuj, kiuj deziras akiri klasikan stilon en Esperanto kaj tion kun, samtempe, literatura ĝuo.

*(Raporto de la Akademio.)*

### FABELOJ

Originale verkitaj de Franjo MODRIJAN

11,5 × 18 cm., 32 p., prezo : 2.50 fr. fk.

Imagaj rakontoj beletristikaj por geknaboj kaj iliaj gepatroj.

## *VERKARO DE D-ro L. L. ZAMENHOF*

**Lingvaj Respondoj**
Unu volumo in-8, 92-paĝa.
Prezo : fr. fk. **9.—**

**Fundamenta Krestomatio**
Ekzercoj, fabeloj kaj legendoj, rakontoj, el la vivo kaj sciencoj, artikoloj pri Esperanto, poezioj.
Unu volumo in-16, 460-paĝa.
Prezo : fr. fk. **18.—**

**Proverbaro Esperanta**
laŭ la verko « Frazeologio rusa-pola-franca-germana » de M. F. Zamenhof, aranĝis L. L. Zamenhof.
Unu volumo in-8, 82-paĝa.
Prezo : fr. fk. **9.—**

**Ifigenio en Taŭrido**
dramo en kvin aktoj de Gœthe.
Unu volumo in-8, 108-paĝa.
Prezo : fr. fk. **11.—**

**Fabeloj de Andersen**
(Plena Kolekto)
Unua volumo in-8, 152-paĝa.
Dua volumo in-8, 156-paĝa.
La ambaŭ volumoj : fr. fk. **21.—**

**Georgo Dandin**
komedio en tri aktoj de Molière.
Unu volumo in-16, 51-paĝa.
Prezo : fr. fk. **7.—**

**Hamleto**
tragedio en kvin aktoj de Shakespeare.
Unu volumo in-16, 170-paĝa.
Prezo : fr. fk. **9.—**

**La Batalo de l' Vivo**
de Charles Dickens, tradukita el germana traduko.
Unu volumo in-8, 88-paĝa.
Prezo : fr. fk. **15.—**

**La Rabistoj**
dramo en kvin aktoj de Schiller.
Unu volumo in-8, 144-paĝa.
Prezo : fr. fk. **15.—**

**La Revizoro**
komedio en kvin aktoj de N. V. Gogol.
Unu volumo in-8, 100-paĝa.
Prezo : fr. fk. **15.—**

**Marta**
romano de Eliza Orzeszko, tradukita el la pola lingvo.
Unu volumo in-8, 237-paĝa.
Prezo : fr. fk. **25.—**

**Vojaĝo interne de mia ĉambro**
klasika verko de de Maistre, el franca lingvo tradukis Sam. Meyer.
Unu volumo in-16, 58-paĝa.
Prezo : **5** fr. fk.

## *ALIAJ ELDONAĴOJ*

Kuchowny Skarbiec

**Spirita Juvelaro**
La plej bela katolika preĝlibro en Esperanto, poŝformata 8 × 13 cm. 291 paĝoj.
Prezo, bindita : **20** fr. fk.

**Kie estas la Eklezio de Kristo ?**
Apologia verko tre bona de M. v. d. Hagen, tradukita de F-ino M. Borret.
13 × 19 cm., 160 paĝoj.
Prezo : **15** fr. fk.

**La Padova Lilio**
Biografio de sankta Antonio de Padova, verkita de Pastro Carolfi, kaj bele ilustrita.
12 × 16 cm., 119 paĝoj.
Prezo : **8** fr. fk.

**La Reformanto**
Biografio de sankta Francisko, verkita de Pastro Carolfi, kaj bele ilustrita.
12 × 16 cm., 88 paĝoj.
Prezo : **10** fr. fk.

**Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj**
Verko de Msro de Ségur, traduko de Ad. Halbeld.
Bela volumo 250-paĝa, formato 12 × 20 cm.
Favora prezo : fr. fk. **5.50**

**La Floretoj de sankta Francisko**
Ĉarma bukedo prezentita esperantlingve de J. Pizzi.
12 × 17 cm., 174 paĝoj.
Prezo : **10** fr. fk.

**Naturscienco, Mondkoncepto, Religio,**
*konstruŝtonoj por natura fundamentiĝo de l' Dio-Kredo,*
de D-ro J. Reinke, profesoro ĉe la Universitato de Kiel, tradukita de Ew. Brenken.
15,5 × 20 cm., 164 paĝoj.
Prezo : **6** fr. fk.

**Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado en Esperanto**
Necesa verko por ellernado de la helplingvo, redaktita de Paul Fruictier, reviziita kaj kompletigita de S. Grenkamp.
15,1 × 23,1 cm. 200 paĝoj.
Prezo, broŝurite **30** fr. fk. ; bindite : **40** fr. fk.

**Vortoj de Prof. Th. Cart**
Ĉiam memorindaj vortoj de la prezidanto la Esperantista Akademio, kolektitaj de S-roj Grenkamp kaj R. de Lajarte.
13,5 × 18,5 cm., 140 paĝoj.
Prezo : **20** fr. fk.

**Litova Almanako**
Vi deziras koni tiun novan regnon eŭropan? Mendu la « Litova Almanako », kiu havigos al vi multon el litova literaturo, penso kaj vivo. Bela libro da 285 paĝoj, 12 × 18 cm.
Prezo : **20** fr. fk.

**Historio de Kristo**
La fama ĉefverko de Papini.
14 × 20 cm., 600 paĝoj.
Prezo : **60** fr. fk.

**Bela Joe (Ĝo)**
aŭtobiografio de hundo, de Marshall Saunders, tradukita de J. Blaikie kaj N. Hohlov.
42 ilustrajoj kaj desegnoj,
12 × 18 cm., 310 paĝoj.
Prezo : **25** fr. fk.

**Per balono al la Poluso**
Rakonto pri la ekspedicio de Andrée en 1897 laŭ lia notlibro jus retrovita.
412 paĝoj, multaj ilustrajoj, luksa papero.
Prezo : **70** fr. fk.

**Pri la devoj de l' homoj**
Parolado al junulo de Silvio Pellico.
12 × 16 cm., 94 paĝoj.
Prezo : **5** fr. fk.

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia




## Eklezio kaj Malarmado

La problemo pri malarmado enpenetras en ĉiam plivastajn rondojn. Oni sentas precipe en Eŭropo kaj Transmaro, ke al la materiala malarmado devas antaŭiri la morala. Ĉe tio la kontribuo de la *religiaj socioj* estos grava. Pri ĉi tiuj koneksoj ekparolis ankaŭ la kongreso de la mondunuiĝo de la naciaj ligoj, kiu komence de oktobro okazis en Perugio.

De la Angla naciligo estis proponite, ke la 36 ligoj de la mondunuiĝo atentigu la publikan opinion de propra lando pri la signifa servoj, kiuj en la unuopaj landoj povus farataj per la morala helpo de la eklezioj. Tio estas grava paŝo al la *alkalkulo de religiaj fortoj* en la alie tro malvarman kaj tro diplomatan atmosferon de la Ĝeneva internacia kunlaborado. Ĝi povas ankaŭ prave apogi sin al la decida pledo de la mondkonferencoj de la protestantaj religio-asocioj por la problemoj de la malarmado kaj de la mondpaco.

Sed en ĝia metodo la propono samtempe montras malproksimen disvastigitan miskomprenon pri la pozicio de la Katolika Eklezio al la malarmado kaj paclaborado. En ĉi tiu propono la Angla delegitaro antaŭstarigas la mondunuiĝon por internacia amikeca laboro al ĉiuj aliaj eklezioj kiel modelon kaj nur tute apude menciis la religi-asociojn, kiuj staras ekster la eklezi-mondunuiĝo. Preskaŭ sonis kiel difekto, ke ili staras ekster la mondunuiĝo.

Lord Dickinson, kondukanta membro de la Angla delegitaro de la naciligo, motivis la proponon, ĝentile indikante la grandan moralan signifon de tia apogilo. Sed en tio li tute unuflanke submetis Anglajn rilatojn.

Germanflanke la delegito Prelato Prof. D-ro Schreiber pri tio atentigis, ke la Angla propono certe estas farita en bona kaj nobla intenco, sed ke la formuligo ne kontentigas. La laboro de l'mondunuiĝo por amikec-laboro de la eklezioj certe estas tre signifa kaj reprezentas konsiderindan parton de la kulturita mondo. Precipe la kunvenoj 1928 en Praha kreis tre rimarkindajn kaj insistajn diskutojn. Sed tio ne sufiĉas

La historiistoj de niaj tagoj devas objektive konstati, ke la Katolika Eklezio el la forto de la ideo kaj de sia sistemo jam de longe antaŭ la fondiĝo de la mondunuiĝo — kaj mem ne devante serĉi internacian aliĝon — la difektojn de la eŭropa sistemo de ŝtatoj precize ellaboris kaj la malarmadon kun aparta forto antaŭenigis, por prepari la vojojn al granda kaj ampleksa pacprogramo.

Jam Leono XIII-a, la 11 februaro 1889, en konsistoria alparolado pri la pac-misio de la Eklezio kaj de la Sankta-Seĝo indikis la malprofitojn kaj danĝerojn de la armita paco. La 20 junio 1894, li denove priparolis la saman temon en la encikiklo *Praeclara* (Komp. Georges Goyau: *L'Eglise Catholique et le Droit International*, 1925, I. p. 228). Ankaŭ Benedikto XV-a, en sia konata pacscigo de la 1 aŭgusto 1917, deklaris: « La unuaranga kaj la plejgrava punkto devas esti: la materian forton de la armiloj anstataŭu la morala forto de la rajto; sekve de tio okazu justa interkompreniĝo de ĉiuj pri la samtempa kaj reciproka malarmado ankoraŭ kontraktendaj reguloj kaj garantioj kaj nome laŭ tio, kio estas necesa kaj sufiĉa por la konservo de la publika ordo en la unuopaj ŝtatoj. »

Tiel la granda, klara kaj vojmontranta encikliko de Pio XI-a rigardas en aŭtoritate fundita evoluolinio. Antaŭ ne longe ankoraŭ dum la Internacia Katolika Semajno en Ĝenevo flanke de la Francaj katolikoj kun rimarkinda insisto montris Profesoro Delos la moralan porcelan destinon de la ŝtato. Tiaj principaj elmontroj faciligus la diskuton pri la moralaj fundamentoj de la malarmadopenso. Simile pledis la Germana Katolika Kongreso en Nürnberg por la ideo de la malarmado. Tiamaniere Katolikismo el si mem jam en ampleksaj formoj defendis la ideon de la malarmado, kaj formuligo: « Religi-asocioj, kiuj ankoraŭ staras ekster la mondunuiĝo », estas *en si neebla*, ĉar ĝi ne kontentigas la individuecon de la Katolika Eklezio.

Al la argumentoj de Prof. D-ro Schreiber definitive kaj decide konsentis ankaŭ la prezidanto de la Itala federacio de ligo de nacioj, Ministro Gianini, kiu prefere akcentis, ke la Katolika Eklezio tute el si mem trovis sian pozicion sur la bazo de siaj principoj. Lord Dickinson siaflanke volonte akceptis la argumentojn de ambaŭ antaŭparolintoj, dankis por la ricevita klarigo kaj akcentis, ke li tute ne intencis, iumaniere per sia propono sin miksi en la formon de la internacia efikeco de la Katolika Eklezio. — La *rezolucio* estas analogie *modifita* kaj *unuanime* akceptita. Ĉar ĝi substrekas la grandan signifon de la moralaj fortoj ĉe la malarmado, ĝi havas *epokan* signifon.

Jos. Lintl, *presbitero*.

## Letero el Germanujo

### Porpacaj Mesoj

En la episkopa konferenco de Fulda la germana episkoparo rekomendis la ĝeneralan okazigon de sanktaj mesoj por la paco laŭ la ekzemplo de aliaj landoj kaj de kelkaj urboj en Germanujo. Jen ni represas la dekreton de Kardinalo Bertram de Breslaŭ: « Estas katolika praktiko, porti ĉiujn niajn seriozajn zorgojn kaj aferojn konfidoplene al la altaro kaj preĝi por ili dum la plej sankta ofero. Tial la konferenco de la germanaj episkopoj en Fulda decidis, la 5 aŭgusto 1931, ke en ĉiuj eparĥioj regule okazu sanktaj mesoj por la internacia paco. Laŭ tiu decido mi dekretas, ke la paroĥestroj ofte dum la jaro, laŭ ebleco ĉiumonate je la unua vendredo aŭ en alia taŭga tago, celebru la sanktan oferon je la honoro de la Plej Sankta Koro por la internacia paco. Tio estos parolata el la koro de ĉiuj katolikoj kaj pliprofundigos pensojn de la paco kaj pacdeziron en plej vastaj rondoj, se de la predikejo oni aŭdos regule, ke okazos solena sankta meso por la paco. Ĉar ankaŭ en aliaj landoj ekzistas simila kutimo, ni esperas, ke tiu praktiko helpos, por plifortigi la spiritan ligilon inter ĉiuj katolikoj de la terglobo. »

Ni aldonu, ke en kelkaj urboj, tiel en Berlin, Essen kaj Köln tiuj mesoj okazas kun speciala invito al la eksterlandaj katolikoj troviĝantaj en la urbo. Kaj ofte ili kune ricevas la sanktan komunion, germanoj, francoj, poloj kaj multaj aliaj...

### Post la Kongreso de la Katolika Paca Ligo

La Paca Ligo de Germanaj Katolikoj malfermis en sia gazeto *Friedenskämpfer* (Paca Batalanto) diskutadon pri la germana-franca interkomprenigo, kiu estos tute honesta kaj malkaŝa. La unuan artikolon enhavis la novembra numero. Ĝin verkis S-ro Louis Le Fur, profesoro pri internacia juro en Parizo.

### La episkopoj pri la novaj prusaj leĝodekretoj

La ekonomia mizero estas grandega en Germanujo kaj devigas la registarojn, regi per drakonaj dekretoj, kiuj ŝparas je ĉiuj eblaj punktoj. Tio estas bona kaj necesa, tamen kelkaj dekretoj, kvankam oni povas ilin kompreni kaj motivi pro la eksterordinara mizero, estas danĝeraj difektigoj de la plej bona germana estonteco. Antaŭ jaroj famkonata homo diris: « En la malmola germana vintro estas unu espero, unu floreto: la germana junularo ». Kaj ĝin oni atakis per la novaj prusaj leĝodekretoj, kiuj eksigas milojn da junaj geinstruistoj. Post la revolucio oni faris grandegajn klopodojn por pli bona kaj pli moderna pedagogio, oni elspezis grandegajn sumojn por tiu celo, kaj nun oni eljetas el la lernejoj tiujn geinstruistojn, kiujn oni je tiel altaj kostoj edukis kaj preparis! Tio estas granda danĝero. La plej malbona afero ja ne estas, ke la geinstruistoj devos malsati kaj suferi — tion ja devas ankaŭ milionoj da aliaj homoj, — ankaŭ ne, ke ili facile fariĝos la intelektulaj metiistoj de la ekstremaj bolŝevistaj kaj naciistaj organizaĵoj (kvankam ankaŭ tio estas grava danĝero), sed ke la infanoj nun estas sen junaj instruistoj. Ekzistas urboj, kie ĉiuj geinstruistoj estas pli ol 45-jaraj!

La episkopa konferenco de Fulda priparolis tiujn gravajn danĝerojn, kompreneble en tre prudenta maniero. Ĝi esprimis speciale siajn zorgojn pri tio, ke fermiĝos multaj lernejoj kaj ke eble multaj katolikaj infanoj ne plu havos eblecon, viziti katolikan lernejon. Gravajn zorgojn ankaŭ faras al la episkoparo la sorto de la junaj instruistoj. Ĝi direktis tiucelan leteron al la prusa registaro.

### Kardinalo Schulte 60-jara

La Kardinalo-Ĉefepiskopo de Köln, Joseph Schulte, antaŭ nelonge fariĝis 60-jara. Li ankaŭ estas gvidanto de la eksterlanda pastrumado de germanaj katolikoj en okcidentaj landoj. Ni publikigas lian portreton.



Kardinalo Schulte,
ĉefepiskopo de Köln.

### Kontraŭ la bolŝevista danĝero

Kiel katolika centrejo por informado pri la bolŝevismo kaj organizado de batalo kontraŭ ĝi la ekiskopoj decidis akcepti la Popolan Unuiĝon (Volksverein). La sekretariejon gvidas rilate al la bolŝevismo Pastro D-ro K. Algermissen en M.-Gladbach. En Berlin ekzistas speciala filia oficejo kun propra rusa tradukisto. Adreso: Berlin SW 48, Wilhelmstr, 37-2. En la Festo de la Reĝeco de Kristo oni predikis en ĉiuj preĝejoj laŭ episkopa dekreto pri la bolŝevismo.

Ankaŭ la Konstanta Internacia Oficejo de la Katolikaj Ĵurnalistoj, kiu troviĝas en Köln, nun havas specialan sekcion pri la bolŝevismo.

### « Catholica », gazeto por teologiaj kontroverzoj

Ĵus aperis la unua numero de nova revuo, eldonata de Pastro Robert Grosch kaj Pastro Max ten Hompel. *Catholica* volas servi al la diskutado inter katolikoj kaj protestantoj, ĝi ne volas polemiki, sed ankaŭ ne « interpacigi » tion, kio ne estas interpacigebla. Montri Katolikismon, kia ĝi estas, kaj kompreni Protestantismon, kia ĝi estas, tia estas la volo de la eldonantoj. Prave diras Robert Grosch: « Ni ne rajtas trompi nin pri tio, ke la politikaj kaj socialaj aferoj ja estas hodiaŭ la montrejoj por la mizero de la tempo, sed ke tamen, kiel la plej bonaj, kiuj tie bataladas, ekkonas, ĉiuj problemoj, pri kiuj temas, fine malsupreniras en la teologion; ĉar *la mondo, en kiu kaj pri kiu hodiaŭ kiel ĉiam bataladas, estas la kreitaĵo pekofalinta kaj savita*. Kiel *Augustinus* en sia epoko dogme argumentis kontraŭ tiuj, kiuj estis disigitaj de la *Catholica*, tiel ankaŭ ni volas fari — sen iluzio, sed ne sen espero. » La gazeto estas eldonata en la eldonejo de Winfried-Ligo, kiu jam tiom multe faris, por doni al nekatolikoj ĝustan bildon pri ĉiuj katolikaj aferoj.

### « Katolika kaj protestanta »

Interesan kaj utilan libron verkis la franciskano P. Heribert Holzapfel, O.F.M.: « Katholisch und Protestantisch. Eine leidenschaftslose Klarstellung (XIV + 196 paĝoj, Freiburg 1931, Herder, broŝ. 3.- RM, tolbind. 3.60 RM.) La libro donas objektivan raporton pri la katolikaj kaj protestantaj doktrinoj. Ĝi montas, kion la katoliko vere kredas, do senmiskomprenoj kaj troigoj ofte troveblaj ankaŭ en la katolika literaturo. La libro estas bona, « senpasia klarigo », ĝi meritas, esti multe legata.

### Sankta Elisabeto

Tuta Germanujo festis en ĉi tiu jaro la 700 jaran jubileon de sankta Elizabeto. La episkopa konferenco havis grandan solenon en Fulda kun meso celebrita de Kardinalo Bertram de Breslaŭ kaj prediko farita de Kardinalo Faulhaber de München.

La plej bonaj katolikaj poetoj kaj verkistoj verkis librojn pri sankta Elizabeto, la plej bonaj ŝajnas al mi tiuj de Leo Weismantel, Ida Friderike Coudenhove, Maria Maresch kaj Franz Johannes Weinrich,

### Pacifista Edukado

Gravan specialan numeron pri « Pacifista Edukado », kunmetitan de la Okcidentgermana Instruista Komitato en la Katolika Paca Ligo eldonis en novembo 1931 la Berlina gazeto *Vom frohen Leben* (Pri ĝoja vivado). La numero, kiu estas 44-paĝa, estas redaktita de Pastro Prof. D-ro Rüther en Brilon. Paca eduko en la familio, en la popola lernejo, en pli altaj lernejoj, universitato, katolikaj junularaj unuiĝoj, ktp., ĉio estas detale pritraktita.

### « Nacio kaj nacioj en la regno de Dio »

Tia estas la temo de speciala kongreso de la Katolika Akademiana Asocio (Kath. Akademikerverband) en Gleiwitz. Oni diskutis pri la problemo de naciaj kaj lingvaj malplimultoj, pri pastra prizorgo de tiaj malplimultoj, ktp.

### Unuiĝo Sankta-Karlo-Boromea

La « Borromäusverein » okazigis sukcesan kurson en sia centrejo en Bonn, 354 partoprenintoj venis el tuta Germanujo kaj eĉ kelkaj el aliaj landoj, kaj kelkaj el la plej bonaj katolikaj gvidantoj prelegis. La unuiĝo laboras por la disvastigo de katolikaj libroj. Ĝi organizas lubibliotekojn kaj doncacas al ĉiuj siaj membroj unu libron po jaro. Nun ekzistas 5.525 katolikaj popolbibliotekoj, ili posedas 4.200.000 librojn kaj ricevas ĉiujare 300.000 novajn volumojn. 10 milionoj da libroj estas ĉiujare ludonataj. La buĝeto estas pli alta ol 2 milionoj da markoj, la unuiĝo posedas 14.000 sekretariojn kaj gehelpantojn. 67 % de la katolikaj paroĥoj estas servataj, kaj 1, 4 — 2, 4 % de la katolikoj uzas ĝiajn instituciojn. Plej bone la unuiĝo estas evoluinta en Okcidenta Germanujo, speciale en Vestfalio.

### Katolika Virina Ligo

La 16-19 oktobro okazis en Breslau la kongreso de la Katolika Germana Virina Ligo. Oni priparolis ekonomiajn problemojn.

### Por la misioj

Alois Fürst zu Löwenstein, prezidanto de la Germana Katolika Komitato (konstanta komitato por la Katolikaj Kongresoj) publikigas artikolon pri la graveco de la misioj, ankaŭ en la nuna tempo. Li kontraŭparolas tiujn, kiuj pensas, ke en tia tempo de la mizero, kian ni nun travivas, oni nur zorgu pri la enlandaj katolikoj. Se oni volas esti katolika, oni ne rajtas nur pensi pri si mem kaj sia lando, sed oni devas helpi en la tutmonda agado de la Regno de Kristo...

D-ro Wilhelm Solzbacher.